


# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXIII JARO | NRO 1 | JANUARO 1939 |
|---|---|---|

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## ESPERANTO EN LERNEJOJN.

**Grava paŝo antaŭen.**

Brazila Esp. — Ligo pere de s-ro Marques dos Reis al la Registaro faris proponon akcepti la jam konatan de ni interŝtatan akordon (propono antaŭ jaroj farita de s-ano Czubryński), laŭ kiu la Brazila Registaro akceptu la enkondukon de lingvo esp., se almenaŭ ses aliaj registaroj akceptos ĝin. Ne temas pri la komuna lingvo, sed pri la helpa lingvo.

Brazilo estis ja unua lando, kiu antaŭ 30 jaroj deklaris la lingvon t. n. klara lingvo por la uzo de poŝto kaj telegrafo. Ĝi la unua eldonis la jubilean esper. poŝtmarkon. Brazilo ĉiam partoprenis la internaciajn Esp. kongresojn. La nomo de Brazilo estas depost tiu tempo multe propagandata inter ĉiuj partoj de la terglobo. La lasta ekspozicio en Rio de Janeiro pruvis sufiĉe valoron de tiu ĉi lingvo por ĉiuj civilizitaj landoj. Jam venis tempo, diras la propono, ke Brazilo faru la duan gravan paŝon, akceptante la projekton de la interŝtata akordo.

Estas necese aldoni, ke la konkludon subskribis sekvantaj brazilaj aŭtoritatuloj:

Prof. Anibal-Freire — reprezentanto de supera instruado de juro kaj ĝenerala konsulanto de la Brazila Respubliko.

Prof. Lourenco Filho- direktoro de pedagogiaj institutoj.

Prof. Jurandir Lodi — reprezantanto de la brazila gazetaro.

Prof. Josue d'Affonseca -- reprezentanto de duagrada instruado libera.

Prof. Paulo Parreiras Horta — reprezentanto de la instruado veterinara kaj agrikultura.

Prof. Jonathas Serrano — reprez. de la oficiala duagrada instruado.

Prof. Samuel Libanio — reprez. de la libera unuagrada instruado.

Prof. Alceu de Amoroso Lima — el libera lernejo de la prezidanto de la Respubliko, kaj prezidanto de Katolika Brazila Agado.

Prof. Padre Leonel Franca — repr. de edukaj asocioj.

Prof. Ari de Abreu Lima -- repr. de inĝenieria instruado.

Prof. Leitao da Cunha, el libera lernejo de la prezidanto de la Respubliko kaj rektoro de brazila universitato.

Prof. Cesario de Andrade — repr. de la supera medicina instruado. La subskriboj parolas per si mem. Oni ĝuste valorigas la signifon de la interhoma ligilo de reciproka kompreno en Brazilo. Bedaŭrinde ĝis nun en multaj landoj regas nekomprenebla ŝovinismo.





# ERNEST ARCHDEACON.

**Franca Esperantisto.** Decembro 38, n-ro 51. Mallonga biografia priparolado okaze de ordenigo de konata franca pioniro de Esp. Samideano Ernest Archdeacon per la ordeno de Oficira Honorlegio. Tridek jaroj pasis de post la momento, kiam E. Archdeacon, unua Prezidanto de la Franca Societo por propagando de Esp. venis al la Esp. movado. Li ĵus estis fondinta en 1904 kun la partopreno de s-ro Deutsch de la Meurthe faman premion »Deutsch Archdeacon«, kiu estas ĉe la origino de ĉiu serioza progreso de la aviado. Jam li, ĉiama pioniro kaj senlaca iniciatulo, estis farinta por la aŭtomobilo tion, kion li estis faronta por la aviado. Kiam li ekkonis nian lingvon, li tuj komprenis, ke li troviĝas antaŭ progreso, kies realigo povas revoluciigi la mondon. Kun granda entuziasmo li tuj dediĉis sin tute al la sukceso de esperanto, kiel li estis farinta, kun plena efikeco por la aŭtomobilo kaj aeroplano. Sed li rapide povis konstati, ke, ĉar Esperanto ne povas alporti tujan monan profiton, similan al la fabrikado de aŭtomobiloj kaj aviadiloj, la komercistoj kaj industriistoj tute ne interesiĝas pri ĝi. La esperantista movado pro tio kaj pro la opozicio de la profesoroj de vivantaj lingvoj, fariĝis populara movado, kiu celis trudi al la registaroj la instruon kaj uzon de lingvo speciale necesa por la intelektuloj kaj la laboristoj.

S-ro Archdeacon rifuzis, ke oni ordenigu lin denove pli alte pro alia motivo ol la Esperanto-propagando. Tial, kavaliro de la Honorlegio en 1909 li voleme restis kavaliro ĝis nun. Hodiaŭ oni devigis lin akcepti -- duone pro la proaviada agado duone pro la esperanta — rozeton de oficiro.

Nia redakcio tute konsentas kun la esprimo de s-ano Jean Coutaux: **S-ro Archdeacon** plene meritas, ke oni unuanime lin danku



pro lia belega kaj longa penado. Li kredu, ke ne nur la franca, sed ankaŭ tutmonda esperantistaro jam delonge estis lin ordeninta en sia koro.

# C. O. P.

**(CENTRALNY OKRĘG PRZEMYSŁOWY POLSKI)**

# CENTRA INDUSTRIA REGIONO DE POLLANDO.

**(fino)**

**Rzeszów.**

Ni veturas al grandega komplekso de motorfabriko de Pola Aviadil-Fabriko, dum tri monatoj preskaŭ konstruita ĝis tegmento, kiu laborigos 2000 laboristojn. Poste ni veturas al alia fino de la urbo al fabriko de Cegielski, kiun oni komencis konstrui la 20-an de aprilo, eluzante restaĵojn de malnova aŭstria armilejo...

La fabriko jam funkcias.

Kiam mi tiel rigardas en tiu C. I. R. fabrikon post fabriko, mi havas impreson, ke Pollando estas granda, en matenkrepuskon, en nekonataĵon malantaŭ la limojn de la centra regiono etendiĝanta sorbpapero, avide eniganta ĉiun guton de produktaĵoj, ia dezerto je ne mezurebla grado de sorbemo.

Kaj jen ĉi tie: Pollando bezonas frezmaŝinojn por milionoj da zł jare, kiam la landa produktado ne povis havigi pli multe da ili ol por 6--7 milionoj. Dank' al la nova fabriko ni povos kovri la proprajn bezonojn preskaŭ sen resto, ne postulante importon.

La fabriko konstruiĝas de la mono, per kiu Germanoj pagas 70-milionan debeton por „frostigitaj“ ŝuldoj transportaj (fervojaj), kiujn ili ŝuldas al Polujo. Jam staras en granda halo ĉirkaŭ 100 maŝinoj, el kiuj parto jam funkcias, restaj estas muntataj...

**Geologoj laboras por trovi minaĵojn...**

Tre grava por defendo de la lando estas posedado de propra ferminaĵo. Dume ni importis minaĵojn por 8 milionoj da zł jare, kaj ferderompitaĵojn por 37 milionoj da zł. Tia dependigo de la eksterlando fatale influus dum milito. Tial oni komencis serĉi minaĵon en la centra regiono. Oni fiksis premiojn. Oni komencis fosi. Montriĝis, ke la minaĵo simpladire kuŝas sur vojoj, ke amasoj da ferrokoj subtenas vilaĝajn garbejojn kaj ĝi montriĝas en malprofundaj lokaj torentoj. Do ni havas abunde da krudaĵo por grandegaj ŝtalfabrikoj, armilfabrikoj kaj mekanikaj uzinoj!




Centra Industria Regiono de Pollando markita sur la karto per blanka makulo.

**Atentu grenkampuloj — ni kreskigas kaŭĉukon!**

Mi eksciis nun en la centra regiono, ke tute simple ni preparados por ni ĝaloŝojn el kutimaj terpomoj, tiel vaste ĉe ni kreskigataj!

Tiun mirindaĵon efektivigis Kemia Instituto por Esploradoj en Varŝavo, en kiu sub gvidado de inĝ. Wacław Szukiewicz oni prilaboris metodon de produktado de sinteza kaŭĉuko el alkoholo.

Nun en Dębica, tie, kie estas ŝtata fabriko de viandaĵoj, ekestas fabriko de sinteza kaŭĉuko, kiu sur kelkaj hektaroj da fabrikeja tereno produktados tiajn kiomojn, kiajn oni povus ricevi sur plantacioj de miloj da hektaroj.

La fabriko uzos ekskluzive polajn metodojn de produktado kaj tute rezignas pri teknika alilanda helpo; ankaŭ ĉiuj maŝinoj kaj instalaĵoj estos produktitaj en la lando.

**Mem Sinjoro Dio konstruis la gasfarejon en la centra regiono.**

„Antaŭ kelkaj jaroj mi traveturis la urbon Stryj kaj mi rimarkis, ke ĉiuj lenternoj dum hela tago, dum suna tagmezo brulis.

Ebriiĝis la stratlanternisto, kiu estingas ilin — mi demandis diveneme.

La demandita Stryj-ano mansvingis malŝate:

Kiu volus ilin estingi? La gaso ja estas senpaga“.

Abundajn gasfontojn oni kaptis per potencaj tuboj kaj oni diskondukis ilin je centoj da km ĉirkaŭen, uzante la gason kiel fonton de varmo kaj lumo. Krome nun en C. I. R. ĝi estos aplikata por funkciigi motorojn, krome kiel valora kemia krudaĵo, ekz. por produktado de amoniako.

**Fabriko de celulozo en Niedomice.**

„Tamen la plej grava ne estas la prilaborado de ligno kaj ne la produktado de materialoj, sed aŭtarkiigo de la lando per tio, ke ni ne bezonos importi la bazan krudaĵon, servantan por celoj de defendo — fulmokotonon, kiun aus'ataŭos celulozo, speciale preparita...

Ankaŭ tiu fabriko, simile kiel ĉiuj aliaj en la centra regiono posedas lumgaskondukon — kaj ĝi nutros sin per produktaĵoj, elterigataj en la regiono: per pirito, kloro, kalko rostita, kalkŝtono.

Kaj apud ĝi, kiel apud aliaj fabrikoj oni konstruis kolonion de laboristoj kun salono, kuracejo, manĝejo kaj banejo...“

**C. I. R. ne nur armas la armeon, sed ankaŭ nutras ĝin.**

Krom la ekzistantaj viandaĵfabrikoj en Tarnów, Dębica, Jarosław, Lublin kaj Radom

ekestas novaj fabrikoj en Rzeszów kaj Sandomierz. En okazo de milito ilia celo estos ankaŭ nutri nian armeon.

**Signifo de C. I. R. en la ekonomia vivo de Pollando.**

La C. I. R. — jen ponto por vigligita varinterŝanĝo de Nigra Maro ĝis niaj havenoj ĉe Balta Maro.

La ekonomia rolo konsistos en plenigado de malplenaĵo, ekestinta sur teroj, kuŝantaj ĉirkaŭ la triangulo, formita de riveroj Vistulo kaj San, — kaŭze de la dispartigoj kaj politiko de la invadintoj, en kreado de laborfontoj en tiu trologata tereno.

La defenda rolo — jen kreado de — moderna, bazita sur plej novaj akiraĵoj de scienco kaj tekniko — industrio, laboranta por defendo de la lando.

Fine psikologia rolo, kiun C. I. R. ludas kaj devas ludi en la vivo de Polujo, — estas konscio, ke en sufiĉe ĝenerala manko de fido al si mem kaj kirlo de ideoj — Pollando per la propra fortostreĉo kaj kredo al sia nerezistebla vivoforto elforĝas al si propran al sia spirita kompakteco — vojon de disvolvo*).

*) *(Tradukita lau „Polska", eldonajho de Tutmonda Asocio de Poloi Eksterlandaj).*

JANUSZ KORCZAK.

# AVO.

Infanoj kredas kaj parolas multe pri Sankta Nikolao. Eta epizodo ekpuŝis mian penson sur nekonatan ĝis nun vojon, kio helpos al mi ekkoni la veron. Mi sentas, ke amasiĝas en mi nekonata forto, kies lumo heligos min ĝis lasta vivospiro. Mi sentas, ke mi estas proksima eligi el mia animo celon, el kiu ŝprucos feliĉo por mi.

Dum unu horo mi estis sanktulo. Estis en mi nek pasio, nek deziro — estis nur malgaja penso, dolora malĝojo, benanta la mondon, — ĉion, kio vivas, suferas kaj eraras.

Impresojn, ricevitajn dumtiu ĉi pura antaŭ-Kristnaska nokto oni ne povas kompari kun tiuj travivitaj antaŭe. Mi iras, sankta Nikolao, en maljuniĝinta masko, kun blankaj haroj, longa neĝa barbo, kun pilgrima bastono en la mano ĉikaŭzonita per ŝnurego, kun sako plena da frandaĵoj kaj brilaĵoj por malgaja infanaro — mi iras el unu ĉambro en alian, portante miron, timon kaj ĝojon — kaj granda vico de egalaj tamen diversaj bildoj traŝoviĝas antaŭ miaj okuloj.

Mi iras el unu ĉambro en alian kaj vidas etajn polvetojn de eterneco, homan formikaron, disĵetitan sur senfina vivovojo, kvazaŭ homa monstra araneaĵo. Mi vidas etajn gutojn de grandega homa ondo. Bedaŭrinrindaj estas vi, jam mortintaj, kies ostoj blankiĝas kaj vi, kiuj venos morgaŭ, bedaŭrinda homaro en malĝojo kaj en peko.

Mi iras el la ĉambro en alian — grizharulo, al kiu jarcentoj estis jaroj. Neĝo brilas kiel briliantoj — mi sentas movadon de stelaj gigantoj, de la tero turniĝanta senĉese, kvazaŭ nenio okazis sur ĝi. Mi iras el unu ĉambro en alian. Oni kantas Kristnasko-kantojn, trinkas brandon, bondeziras unu al alia kaj manĝas modestan vespermanĝon. Senzorgaj infanoj kolektiĝas ĉirkaŭ malaltaj kristnaskarbetoj ornamitaj per malkaraj paperetoj.

Modestaj laboristaj arbetoj. Mi ne envias briletantan kristarbeton de riĉuloj. Silentiĝas kanto, kiam mi eniras.

Mi iras el unu ĉambro en alian. Ĉiu el vi, homa papavo, havas unu propran momenton de naskiĝo, kiam unuan fojon vi ekspiris malvarman aeron kaj ekploris sen larmoj.

Ĉiu alportis en mondon de nekonataj spiritaj heredaĵoj, deziron vivi propramaniere, sopiron al idealo kaj misteron de sia ekzisto. Ĉiu havas sian propran spiritmondon, kiun konas neniu, kiun li mem ne konas, ĉar ne povas koni.

Mi iras el unu ĉambro en alian kaj pensoj klinis mian frunton, malĝojo alpremis mian dorson al tero. Ĉie mi vidas vizaĝojn brulantajn pro ardo kaj zorgoplenajn korpojn klinitajn pro tro frua kaj malfacila laborado, malmolajn manojn, lacigitajn okulojn, nebuligitajn pro brando — kaj apude infanojn kun demandoj en pura rigardo.

Sidas maljunaj kaj junaj ĉe komunaj tabloj, manĝas el komuna plado, spiras unu aeron, iliaj manoj sin tuŝas kaj ili ĉirkaŭprenas sin per rigardo.

La vivo ekspiros, forpelos ilin. Sidas maljunaj, junaj kaj infanoj, sed ili estas jam aliaj, novaj. La vivo ekspiros, denove unu mankos, alia iros en la mondan, alvenos aliaj. La vivo ree ekbalancigos la ondon — ĝi ne pereos, ĝi ekzistos.

Fluas kristnaska kanto. Ĝia harmonio en malproksimo ŝajnas esti ĝoja, tamen ĝi ploras.

Mi iras el la ĉambo en la ĉambron silentpaŝe kaj en la reto de la vivo estas tiom da vojoj. Homoj disiĝas kaj kuniĝas, kaj ĉiuj vojoj kondukas al profundaĵo, kie en fino videbla estas kruco — tombo. Mi iras kun larmo en koro kaj kun Dio sur la buŝo. Mi alpremas al brusto etulon. Ĝi tremas. „Ne timu la avon — li nenion malbonan al vi

faros — la avo amas infanojn — li alportis al vi pilkon, pomon kaj kruceton. Mi malbutonumas ĝian ĉemizeton kaj alkroĉas kruceton sur la blanka brusto de la infano. Bedaŭrinda etulo — ne timu avon — en la nigra malproksimo de estonteco ekzistas jam la sorto de la infano kaj sorto de la kruceto. Kaj eble, infaneto, vi alkroĉos ĝin sur bruston de via filo, kiam li militiros, aŭ de filino, kiam ŝi forveturos trans maron, kie atendos ŝin ŝia edzo. Dio ne konas ankoraŭ vian sorton, infano, sed la estonteco konas ĝin.

Kiu alkroĉis kruceton sur la brusto de la prostituistino? kiu alkroĉis kruceton sur la brusto de la murdisto? Kiu alkroĉis nigrigitan kruceton sur la brusto de mizerulo, kuŝanta sur sekca tablo? Kaj la homaro -- kvazaŭ dorna krono estas el nacioj plektita, kaj homo estas larmo de la naturo.

Benu, avo, tiun ĉi infanon -- petas la patrino.

„Mi benas vin, etulo“.

Ili kliniĝis — mi ankaŭ kliniĝis kaj mallevis la kapon.

Restu pace — jen naskiĝis Dio, kiu per sango sia forlavos viajn pekojn. Neniu postiris min, tia estis seriozeco en miaj vortoj, tia vero en mia persono.

Mi vidis tian ĉambron, kie ne estis arbeto kaj estis infanoj -- mi donis al ili donacojn, sed mi ne ploris. Kaj mi vidis tian ĉambron, kie ne estas infanoj.

— Ĉi tie, avo, ne estas infanoj — diris ia virino. Dio benu vin, ke vi vizitis nin“. Kaj mi eksentis, ke malvarmaj larmoj surfluis miajn brulalantajn vangojn. Kaj mi eniris en la ĉambron de la virino, kiu loĝis kun sia amato sen edziĝo — ŝi havas filon, kiun ŝi ne amas. La knabo estas sola en la ĉambro, li sidas en angulo apud kameneto. Estas mallume — lampeto alkroĉita antaŭ bildo ĵetas malgajan verdan lumon sur la vizaĝon de le knabo.

— Aveĉjo — li vokas, tenante min forte je mano -- aveĉjo, prenu min kun vi.

„Ĉu estas al vi malbone hejme? mi demandas. La lampeto tintis, la knabo ektremis.

-- Aveĉjo, ĉu vere vi estas sanktulo?

— Jes, knabeto, mi estas sanktulo, mi diras mallaŭte, trankvile kun kredo.

„Estas al mi tre malbone ĉi tie, — mi volas iri kun vi“.

Mi alkroĉis kruceton sur lian kolon kaj donis multajn frandaĵojn.

-- Preĝu, infano.

„Kaj kiel?“

— Diru ĉion al Dio, kion vi sentas — preĝu. Dio aŭskultos.

Li kliniĝis kaj flustris, enrigardita en bildon.

Mi apogis min malpeze sur la bastono kaj rigardas ne palpebrumante.

El la pola lingvo tradukis
*Anna Weinstein.*

# LINGVA ESPLORO.

La membroj de la Lingva Komitato ĵus ricevis sian Jarlibron, ĉifoje eldonitan en Holando, de la nuna prezidanto Isbrücker. Ĝi estas tiel interesa, ke certe valoras skribi iom pri ĝia enhavo ankaŭ por nemembroj.

Kiel estis antaŭvideble, la ĉefaĵon en ĝi formas la jam fama diskuto inter anoj kaj neanoj de la t. n. gramatika naturo de la radikoj, nome inter tiuj, kiuj opinias, ke en ĉiu esperanta radiko implicite enteniĝas ĝia gramatika karaktero, tiu de substantivo, aŭ tiu de adjektivo, tiu de verbo, aŭ tiu de adverbo. Ekz. ĉu la radiko a d m i r a l' jam en si mem havas substantivan signifon »admiralo«, aŭ nur post kiam ni alkroĉas al ĝi la o-finaĵon? Aŭ ĉu la radiko p e r m e s' per si mem signifas »permesi«, aŭ nur post kiam ni aldonas la i-finaĵon?

La sfero ne estas tiel tute simpla, kiel povas ŝajni unuavide! En la radiko a d m i r a l' kompreneble ni ĉiuj tuj vidas, aŭ pli vere emas vidi, ja eĉ »emegas« rimarki la substantivon, ĉar homon. Same, kiam ni vidas la radikon l e g', ni ne povas ne pensi, ke ĝi monstras verbon, ĉar agon. Sed kion diri pri tia radiko kia ekz. v e r k'? Aŭ pri radiko kia ekz. k o r e k t'? Aŭ pri tia kia b r o s' aŭ b r i d'?

Nu, estas fakto, ke ekzistas multaj radikoj (nu, ne t r e multaj, feliĉe), kies signifo ne estas tuj rekonebla, resp. kies gramatika karaktero povas esti duba. En tiaj kazoj oni devas ĉiam konsulti vortaron. Por scii ĉu brid' estas ago aŭ objekto, oni devas rigardi en la vortaron. Kaj se oni ne faras tiel, oni ja povas facile erari, ĉar kvankam brid' ŝajnas signifi la agon de bridado, fakte la Universala Vortaro donis al brid' la substantivan signifon de objekto, per kiu oni bridas la ĉevalon, tiel ke »bridilo« ne estas uzata...

Ĉu do oni povas miri, ke la prezidanto de la Akademio, s-ano Isbrücker, kiu — kun la permeso de la Lingva Komitato — entreprenis eldoni esperanto-esperantan oficialan vortliston, notis apud ĉiu radiko (el la cent unuaj publikigitaj ĝis nun) ties kategorion per la literoj s. (substantivo), a. (adjektivo) ktp.?

Kiu povis antaŭvidi en la kunsido de la

Lingva Komitato, kiu okazis en 1937 ĉe la Varsovia Kongreso, ke tiuj ĉi malgrandaj literetoj eksplodiĝos baldaŭ post la kongreso grandan, laŭtan bombon de protestoj?

La unua protestis unu el la kunsidintoj de la dirita kunsido de la Lingva Komitato en Varsovio, nia malnova, meritplena Akademiano s-ano Nylen. Mi eĉ eraris, kiam mi diris: malnova. S-ano Nylen estas ja eble la plej malnova nun vivanta esperantisto kaj membro de la Lingva Komitato. Nu, se vi estas scivolaj, vi povas tuj kontroli: en la priparolata Jarlibro la datoj pri s-ano Nylen tekstas: 70, tio signifas, ke s-ano Nylen naskiĝis en 1870; 92 t. s. ke li esperantistiĝis en 1892, do antaŭ 46 jaroj; 05 tio signifas, ke li fariĝis membro de la Lingva Komitato en la jaro 1905, la jaro, en kiu la Lingva Komitato estis kreata...!

Efektive, nur tia homo povis sukcese estigi grandegan bruon, maron da inko disverŝigi tra la esperantista mondo, pri la principa problemo de la esperanto-lingva teorio: ĉu havas la esperanta radiko sian propran vivon, sian propran, memstaran signifon kaj ekzistpovon, aŭ ĝi estas nur simbolo, esto sen karno; ideo, bildo fluganta en la vasta spaco de la mondo?

Mi mem tre miris, kiam mi legis la cirkuleron de s-ano Nylen, tiel akre protestan, kvazaŭ efektive nia prezidanto estus farinta gravegan pekon, ne demandi nin ĉiujn, antaŭ ol eldoni la radikaron, cetere nur kiel projekton diskutotan, kun la difinoj pri la vortkategorioj. Tre prave skribas de Kalocsay en sia laboraĵo pri tiu ĉi temo, ke eĉ se ni volus akcepti la teorion pri senkategorieco de la esp. radikoj, tio ne estus ebla, ĉar kiel difini ekz. tajlor', se ne: homo kiu profesie kudras vestojn, el kio per si mem rezultas, ke tajlor' entenas substantivan karakteron.

El la aliaj problemoj, pri kiuj ni povas legi en la Jarlibro, citinda estas tiu pri ata-ita, sed niaj ŝat. legantoj jam sufiĉe legis pri tio, ĉar mi mem jam tro multe skribis pri ata-ita en »Pola Esperantisto«. Mi volas nur rimarkigi, ke malgraŭ ĉio tiu ĉi problemo estas ankoraŭ kaj ankoraŭ nesolvita. Estus jam vere tempo, veni al ia oficiala decido.

*Dr Leopold Dreher.*

# PRI NIAJ ĈIUJARAJ KONGRESOJ.

Ĉiujare ni zorgeme kaj kun granda peno organizas la ĉefan montron de nia esperanta aktiveco, ĉiujare multaj dekoj da plej bonaj samideanoj dum monatoj laboras ĝis kompleta laciĝo. Ĉiujare multaj centoj da samideanoj kaj simpatiuloj proksimaj kaj malproksimaj partoprenas la kongreson donacante tempon, monon kaj plej karan animinklinon al tiu ĉi historia dokumento de nia nuntempa progreso. Sed kia rezulto? Kutime ni trovas ĝin en postkongresaj artikoloj de nia gazetaro. Kaj kion ni vidas tie? La samon jam dum multaj jaroj: bonan organizadon, multenombrajn partoprenantojn, nepre belajn kostumojn kaj gajajn amuzvesperojn k. t. p. Sed la natura disvolviĝo de niaj atingoj, vivo kaj progreso de nia movado tute ne estas rimarkitaj de tiuj ĉi historiskribantoj de nia movado.

Verdire tiaj gravaj flankoj aŭ tute mankas en la solenaj ĉiujaraj kongresaj reprezentadoj, aŭ estas tiel timemaj, nesistemaj kaj nevideblaj, ke tute perdiĝas en granda bruo de senutilaj por propagando kongresaj aranĝoj. Kaj neniu raportas pri ili, neniu montras al larĝa publiko tiujn ĉi plej propagandajn faktojn en nia vivo. Kaj restas post tia kongreso la sento de malpleneco, de neseriozeco de la tuta movado. Tian malbonsenton ne neniigas, sed nur pli substrekas la emfaza nomigo, prenita el tute alia regiono, kiel ekzemple: »la harmonia kongreso«. Ĉar ĉiu, eĉ pli bone ĉiu neesperantisto, scias, ke estas necesaj ne harmoniaj kaj ne »melodiaj« kaj eĉ ne »simfoniaj« kongresoj, sed kongresoj, plene respegulantaj la vivon, do atingojn kaj celadojn, do novajn pensojn kaj ideojn de Esperanto kaj de esperantistoj survoje al ĝenerala homara progreso kaj disvolviĝo.

Kaj tio ne estas tute nova meze de ni afero, ĉar okazinta en 1937 jaro Pariza Konferenco bone pruvis, ke estas ebla kaj pli utila por Esperanto la pliseriozigo de esperantaj tutmondaj kunvenoj, ke oni povas post kunveno eldoni belan libron, enhavantan raportojn, kompreneble ne pri la dancoj kaj kostumoj, sed pri aferoj de preskaŭ scienca karaktero, pri aferoj direktontaj la iradon de niaj lingvo kaj ideo en estontecon. Povas esti, ke tio ĉi en tia grado kiel dum la Pariza Konferenco montriĝos tro malfacila por ordinara Kongresa Komitato, ĉar francaj esperantistoj, oni scias, havas multajn talentojn kaj havis tiutempe gravan subtenon en kadroj de l'Ekspozicio. Sed al mi ŝajnas, ke tian ĝeneralan karakteron, iomete esploran, iomete sciencan niaj kongresoj nepre devas havi, kaj tio devas esti pruvita por efika propagando en oficialaj presitaj raportoj. Tio ĉi estas tre necesa nun, por ke ne perdiĝu vane noblaj kaj gravaj oferoj de tuta nia samideanaro ĉiujare dum preparado kaj funkciado de niaj kongresoj.

Inĝ. *Józef Przyborowski.*

# ĈU MI ESTAS KRIMULO?

(Novelo).

Post fenestroj regis nokto kaj furioza neĝventego. Milionaj neĝeroj ondumis en frostplena aero, malĝojigaj, ĝemsimilaj ventekfajfoj kunverŝiĝadis en kamentubo en ian depriman malĝojan, kiel tiu kokto, bojsimilan kanton. La vilaĝo delonge jam dormis. La neĝo superŝutis kampojn, vojojn, fosojn... per blanka vualo kovradis la tegmentojn de l' vilaĝaj kabanoj. Furiozega vento...

En tia nokto la satanaj fortoj elrampas el inferaj abismoj kaj inter muĝo de l' ventego kaj neĝturniĝoj, dibocâs sian malbenitan, diablan dancon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Dum simila nokto ni sidis triope en kabano de nia amiko S. kaj enaŭskultiĝadis ĥaoson de furiozanta neĝtempesto. Sur kameno hejtis kaj gaje kraketadis flamantaj etaj lignopecoj, agrabla varmo kviete tuŝetis niajn vizaĝojn kaj manojn. Ni ĉirkaŭsidis malgrandan tabuleton, starigitan ĉe l' kameno kaj senparole observis, kiel fajro per flamaj langoj glutis etajn lignosplitojn. Post fenestroj, sur korto regis teruro kaj neĝtempesto, en la ĉambro estis varme kaj agrable. Ni sidis kaj silentis.

Kaj tiam... kun bruo de tempesto, en ĝemoj de l' bojanta en kamentubo vento, venis rakonto... venis... kaj eliĝis el buŝo de nia amiko. Kaj mirinda estis rakonto tiu...

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

En infanaĝaj jaroj — rakontis S. mi loĝis kun miaj gepatroj en malgranda vilaĝo K. Kie ĝi troviĝas, tio tute nenion signifas en tiu mia rakonto. Mi devas tamen diri, ke mia patro estis simpla terkulturisto, la patrino mastrumadis hejme kaj mi, havonte neniun profesion, helpis al la patro en kampo aŭ al la patrino en la hejmo. Grizaj kaj monotonaj estis tagoj de mia infanaĝo, ĉar ĉiu venanta tago enuige simila estis al la pasinta kaj en venonta morgaŭo mi neniam atendis ion novan. Unutone fluis tagoj... la patro tre malofte paroladis al mi, la patrino same... ili estis senfine endronigataj en peza, ĉiutaga laboro kaj se eĉ trovis iafoje iom da libera tempo, tiam la patro iris al loka drinkejo kaj la patrino al najbarinoj. Tiel pli malpli aspektis mia juneco kaj tiel mi vivis ĝis dudek-unua jaro de vivo. En tiu jaro la ĝistiama maniero de mia vivo ŝanĝis sin subite: unu tagon mi estis alvokita al armeservo. Nun, kiam de tiu tempo pasas jam preskaŭ dudek jaroj, mi devas tamen konfesi, ke, kontraŭe al multaj, mi tre ĝojis je penso pri tiom jam proksima, atendanta min nova vivo kaj tuj senbedaŭre mi adiaŭis miajn gepatrojn kaj forveturis. Sed amara, amarega seniluziiĝo atendis min en armeo. Hejme, kvankam mi tre enuis pro nedivebla unutoneco, sed preskaŭ nenion faris, kaj tie, subite mi enfalis en tian prolaboran ĥaoson, ke ofte ŝajnis al mi neeble elteni ĉi-ĉion. Oni komencis nin tiel ĉiudirekte ekzerci, ĉu en kampo, ĉu en ekzercejo, ĉu en kazerno, ke, vere, ofte mi ne havis tempon manĝi iom da simpla, soldata akvaĵo, kium oni al mi donadis, kiel tagmanĝon. Ho, tiuj tempoj restos en mia memoro ĝis kiam mi nur vivos! Oni min edukadis tiel diversmaniere, ke ofte en nokto, kiam miaj kamaradoj dormis kiel mortigitaj, mi ellitiĝadis kaj genustarante, varmege, kunplore petegis Dion pri helpo kaj dono de novaj fortoj. Do, tute kompreneble, kun kia ĝojo ni salutis tiun savan tagon, en kiu finiĝis 24-monata pezega nia armeservo kaj ni, kun sento de ĝua libereco, envagoniĝis por forveturi al sopiregata sonĝata, libera, civila vivo.

Glutinte kelkajn gutojn da akvo S., rakontis plue:

— Mi memoras, kvazaŭ tio estus hieraŭ, kun kioma ĝojego mi salutis lastan stacion de mia vojaĝo. Kiam mi elvagoniĝis, mi sentis min kvazaŭ jam hejme, kvankam ĝis mia vilaĝo restis ankoraŭ pli ol tridek kilometroj. Sed tio montriĝis al mia persono tioma malgravaĵo, pri kiu oni ne valoris eĉ penseti. Mi kaptis mian valizon kaj krucsigninte min ekiris. Mi ripetas, — ekiris — ĉar mi ne havis monon por dungi fiakron.

Estis jam oka horo vespere, kiam mi alvenis al vilaĝo B., de kiu ĝis K. estis „bonaj" ok km. Trairinte dudek du km en daŭro de 3½ horoj, tio jam signi fis iom, eĉ por junaj piedoj. Lacigita de tiu, iom tro rapida marŝo, mi decidis en tiu vespero ne iri jam hejmen, sed tranokti ĉe unu konota al mi vilaĝano. Kvankam mi tre deziris esti jam hejme ankoraŭ finvespere, por pli surprizi miajn gepatrojn per mia ne anoncita alveno, sed mi sentis min vere jam tro laca kaj devis rezigni mian intencon. Post vespermanĝo kaj post mallonga interparolo, mia vilaĝano kune kun sia familio ekiris dormi kaj indikis al mi la liton, sur kiu mi estis dormonta. Post kelka tempo laŭta ronkado sciigis min, ke miaj gemastroj jam dormas, mi tamen neniel povis endormiĝi. Proksimo de gepatra hejmo, espero

de nova, libera vivo kaj aliaj similaj pensoj forpelis la dormon de miaj okuloj. Renversiĝante je ĉiuj flankoj kaj vane penante ekdormi, mi ellitiĝis kaj eksidis sur staranta ĉe fenestro benko. Mirakla, septembra, luna nokto regis en tuta sia beleco. Mi sidis senmove, ravigita de tiu beleco, enrigardita la arĝentan vizaĝon de la luno. Granda, majesta silento, interrompata nur de ronkado de dormantoj, regis ĉirkaŭe. Mi malfermis la fenestron por enlasi iom da freŝa aero, kaj mia vido migradis de objekto al objekto, prilumataj de arĝenta lumo. Silento de l' nokto, ĝia beleco kaj poezio lulis min kaj mi kontente eksentis, ke dormo komencas glui al mi la palpebrojn. Mi leviĝis kaj volis jam fermi la fenestron por iri dormi, dum subite... mi ektremis. Inter stalo kaj garbejo de mia vilaĝano, sur arĝenteca fono de luna lumo ekpentriĝis subite du homaj siluetoj, kiuj mallaŭte, iel ŝtel-vene, malrapide ŝovis sin en direkton de apudstaranta kamero, en kiu vilaĝanoj kutime tenas siajn pormanĝajn produktojn, sekalon, kofrojn kun vestaĵoj k. a. Mi rigardis ilin senmovete, kvazaŭ hipnotigita. „Ŝtelistoj!" — traflugis al mi tra kapo kaj mi volis jam veki la mastron, sed subite... nova penso venis al mia kapo. Deŝoviĝinte iomete flanken, mi silente observadis la misterajn silnetojn. Mi vidis, kiel unu alproksimiĝis al la kamero kaj per ia tenata en mano objekto, komencis senbrue bori en pordo ĉe l' seruro. Post kelkaj minutoj la pordo estis malfermita kaj mistera nekonato malaperis en interno de l' kamero. Alvenis momento de reago.. pli longe mi ne povis atendi. Sensusure mi levis kuŝantan sub benko hakilon kaj mallaŭtege malferminte la pordon, serpente elrampis el la kabano. Intertempe, ĵetinte la rigardon en la fenestron, mi ekvidis, ke la alia, vidinte nenion suspektindan, postsekvis sian kamaradon kaj enŝoviĝis la malfermitan kameron. „Tiom pli bone!" — mi ekpensis. Tenante en la mano la hakilon kaj pro emociego tremante tutkorpe, sed ne sentante plej etan timon, mi ŝtele, simile al kato proksimiĝis proksimiĝis al la malfernita pordo de l'kamero. Momenton mi kuŝis senmove, sed subite, kun laŭta ekkrio — „Vi, kion, ĉi tie faras, ŝtelistoj" — mi saltleviĝis kaj kun levita hakilo enkuris la kameron, sed alkroĉiĝinte perpiede je iu ŝtipo kuŝanta sur la sojlo, kapantaŭen falis. Ŝtelistoj, eliginte ekkrion de konsterno, ĵetiĝis kontraŭ mi kaj transsaltinte mian korpon ekkuris en direkton de vojo. Kun krio: — „Ŝtelistoj, ŝtelistoj,.. kaptu!" — mi leviĝis fulmsimile kaj kaptinte la hakilon, postkuris la fuĝantojn; sed tiuj estis videble pli rapidkuraj ol mi, ĉar distanco inter mi kaj ili komencis pligrandiĝi. Vidante, ke mi ne atingos ilin kaj plena de ia kuraĝo kaj deziro fari ion eksterordinaran, mi levis la hakilon kaj per tutaj fortoj de juna brako ĵetis ĝin antaŭen. En arĝenteca lumo de luno mi vidis, kiel la hakilo, turniĝante en aero, atingis unu el la fuĝantoj kaj per sia akraĵo, simile al tondrosago, falegis sur lian nukon. Aŭdiĝis karakteriza ekkrako de disfrakasita osto kaj terura kriĝemo de l'doloro. Kun akrasona krio de turmento la malfeliĉa vundito falis sur teron, sed lia akompananto subite ekstaris, kaptis la malfeliĉulon duonkorpe kaj priverŝata de sango, surĵetis lin sur dorson kaj ree ekkuris. „Kaptu, kaptu!" — kviadis mi, kurante per ĉiuj fortoj, sed vane: la fuĝanto, kun sia vundita kamarado, ĝiskuris jam al vojo, kie staris pretigita ĉevalo kun ĉaro kaj, enĵetinte la pezĝemantan kamaradon sur la veturigilon, postsaltis sur sidlokon.

Mallonga — vjo! — kaj la ĉevalo sagfluge ekkuris laŭlonge de l' vojo kaj post kelkaj minutoj malaperis en noktaj mallumoj... kune kun la ĉaro kaj kun sidantaj en ĝi pasaĝeroj.

. . . . . . . . . . . . . . . . .

Ĉe tiuj vortoj S. silentiĝis por momento kaj per stranga vido ekrigardinte al ni, daŭrigis sian rakonton.

— Dankema vilaĝano ne volis min lasi dank' al mia ago, kiu savis lin kontraŭ ŝtelistoj kaj efikonta de ili malprofito. Mi malgraŭvole devis resti ĉe li ankoraŭ tri tagojn, nutrata per diversaj bongustaĵoj, trinkigata per brando, pririgardata kiel heroo... kaj nur post tiu tempo mi sukcesis alveni hejmen, sed...

S. subite saltleviĝis de l'seĝo kaj ekrigardanta per stranga, ia senkonscia vido, pala kiel muro, ekkriis raukvoĉe:

— ...mia patro... jam de du tagoj... kuŝis en tombo... kaj la patrino, frapita... de terura morto de mia patro... pro grandega malespero ekmalsanis... je cerbobrulumo kaj en momento de mia eniro en la kabanon... agoniis.

Ĉirkaŭantaj min najbaroj diris al mi, ke mia patro estis mortigita per hakilo de iaj banditoj en momento, kiam kun sia najbaro estis revenantaj de foiro.

S. silentiĝis. Momenton li apatie observis flamantajn splitojn kaj poste per mallaŭta, sed strangesona voĉo, en kiu tremis larmoj, demandis kvazaŭ al si mem:

— Ĉu mi estas krimulo?

Respondo ne sekvis.

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

*ARNO HOLZ*

## *VINTRO.*

*Printempo kara, vi tro rapide pasis!*
*Sed vi al kor' birdkantojn viajn lasis.*
*Al florbuked' similis tuta ter',*
*Jam for la bel'!*
*En neĝo staras, ho terur',*
*La nuda natur'!*
*La nigrajn arbojn frosto pikas.*
*Dumbake pomoj en la forn' muzikas.*
*Jen pendas glaci'.*
*Sed tamen! Ree venos ja vi al ni.*
*Vi ree venos,*
*Atendu do, koro,*
*Je kantoj plenos*
*Flor-bonodoro!*

*El la germana: Hilda Dresen.*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

## *GRAVA OKUPIĜO.*

*Ekkverelis niaj anoj, per kverel' okupis sin,*
*kaj solene komunikas, ke kverelos kun obstin'.*
*Moke pruvas I. E. L-anoj (tion ĉiuj scias ja),*
*ke absurda, senvalora... estas ia... U. E. A.!*
*U. E. A. respondas digne kaj ekpruvas pli kaj pli,*
*ke sendube I. E. L-anoj, ĉiuj estas sen raci'!*
*Kaj mi volus tre ekscii (nur ĝi estas mia cel'),*
*kiu estas pli kverela, U. E. A. aŭ I. E. L.?!*

# KOMUNIKO DE P. E. D.

Ni ankoraŭfoje insiste petas ĉiujn (senescepte!) E-grupojn pri respondo je nia alvoko en n-ro 10. de P. E. Ni alvokas al kunlaboro! Sendu mallongajn raportojn de via grupa laboro.

### „KVINMIL — FONDO".

Pluaj pagoj por la „Kvinmil-Fondo":

| | | |
|---|---|---|
| Warsz. Stow. Esper., Warszawa | zł | 5·— |
| Eugenia Cense „ | „ | 3·— |
| E. J. Grygosiński, Częstochowa | „ | 2·— |
| Julia Neuberg, Kraków | „ | 1·— |
| Eryk Tomczyk, Mysłowice | „ | 1·— |
| Jan Daszkiewicz, Łódź | „ | 1·— |
| Erna Zimand, Kołomyja | „ | 1·— |
| L. Borod, Białystok | „ | 1·— |
| Tykocińska „ | „ | 1·— |
| Sz. Lipkes „ | „ | 1·— |

### KOMUNIKO DE I. E. L.

La ĉefdelegito de IEL sciigas, ke porjaro 1939 validas jenaj kotizoj: MJ — 4 zł, MA 11 zł, MAH — 24 zł, MS — 30 zł, jarlibro 1938 — 2 zł. Ĉiu novaliĝanto ricevos suplementon de jarlibro 1938. La kotizoj estas pageblaj je poŝtĉeka konto P. K. O. 203616. Depost 1-a de januaro monata organo „Esperanto Internacia" aperados en libra formato 15×22·5 cm — 32 paĝoj.

Samideanoj! rapidu aliĝi kaj realiĝi, precipe MA kaj MAH, ĉar la organoj estos liverataj nur ĝis februaro. IEL havas delegitojn kaj fakdelegitojn en jenaj lokoj: Będzin, Biała Podlaska, Bielsko, Brody, Bydgoszcz, Chełmno, Cieszyn, Katowice, Kowel, Kraków, Lublin, Lwów, Łuck, Mława, Nowy Targ, Płock, Poznań, Święciany, Tarnów, Toruń, Warszawa, Wilno, Wiśniowiec kaj Zgierz. Kiu do volas iĝi delegito en alia loko rapidu kun aliĝo por esti presita en jarlibro 1939 aperonta en marto.

Kotizoj por kongreso en Bern estas: 35 zł ĝis 31 III kaj 42 zł poste. 50 pecoj de glumarkoj kostas 85 gr. Por sendo de nro 1 de kongresa gazeto sendu 15 gr aŭ poŝtmarkon ev. poŝtkarton. Mi liveras kongresaliĝilojn. Suprajn pagojn kaj ankaŭ porloĝejajn oni pagu je PKO. 203616. (Porloĝejaj pagoj en decembra n·ro de P. E.).

**inĝ. M. Chmieliński**

Toruń, Krasińskiego 4.

# BIBLIOGRAFIO.

## RECENZOJ.

**Nagoja,** gvidilo tra la tria granda urbo de Japanujo, eldonita memore de 26 japana Esperanto-kongreso 1938, kiu okazis en la urbo. Havebla ĉe Turisma Oficejo Nagoja— Sijakuso, Nagoja, Japanujo.

**De Tutmonda Perforto al Tutmonda Frateco** de G. F. Wates. Traduko de W. Bailey el la angla originalo. 128 paĝoj. Tole bindita 3 ŝil. 6 pensoj. Aĉetebla ĉe ĉiu librovendisto aŭ ĉe la Intern. Esp. Ligo Heronsgate Rickmansworth (Herts) Anglujo. Eldonita de The Esperanto Publishing Company LTD. Anglujo.

En la antaŭparolo la aŭtoro diras: progresado al tutmonda frateco devas esti bazita sur racio, sur konscienco kaj sur ekonomia justeco.

Nia konfuzita mondo, kun tiom da mallumaj makuloj, bezonas por sia savo religion etikan kaj racian kune kun klera sistemo socia kaj politika. La celo de ĉi tiu libro estas ne forigi verajn orientigilojn.

La libro konstatas, ke la homaro iom post iom egaligas grandajn ekzistantajn ĝis nun sociajn kaj religiajn diferencojn, sed ni ankoraŭ estas tre malproksimaj de idealo. Perforto, kiu ekzistis kaj ekzistas, estas ankoraŭ gvidanto en la homa socio. Mankas kristana amo kaj interkompreno. Ni eble ne konsentos kun ĉiuj vidpunktoj de la aŭtoro: laŭ nia opinio li tro optimiste rigardas la rusan eksperimenton, kiu enkondukis nur perforton, subjuĝante individualismon. Laŭ nia scio, la situo de popolo tie ne estas favora dum tiu granda eksperimento. Sed ni konsentas, ke ekzistas ne plu tolereblaj maljustaĵoj inter riĉuloj kaj malriĉuloj, kaj la plua disvolviĝo de la homa socio devas penadi al egaligo de tiuj ĉi maljustaĵoj.

**Selma Lagerlöf. La ringo de la generalo.** Eld. Soc. Esperanto Stockholm. 126 paĝoj. Prezo 2 sved. kr. La verko estas tradukita en 15 lingvojn. Tradukis Stellan Engholm. Li sukcesis bone traduki tiun ĉi verkon kaj redoni la poezian stilon de la originalo. Tio estas iom legenda rakonto, apogita sur malnovaj superstiĉoj popolaj koncerne mortintajn personojn, kiuj influas la vivon de vivantoj.

**Muusses Esperanto-biblioteko.** Red. J. Glück, T. Jung, kaj J. H. Willems Nr 16 **Gyula Török: Rozinjo** el la hungara tradukis K. Kalocsay.

Senbrida karaktero de hungara junulo; ne eluzitaj fortoj de juna korpo; ekstrema amo al junulino, kiu lin senlime allogas; duelo; morto. Edziniĝo de la vidvino kun neamata bonfarulo, vivo plenigita de ĉagreno, edukado de amata infano, riĉa kaj interesega inhavo de malgranda libreto igas leganton al tralego kaj nepra postpripensado.

**Muusses Biblioteko** apartenas al la libraro, kiu estas unu el plej dezirindaj havaĵoj de ĉiu esperantisto. Serio de 10 volumetoj kostas nur 2. 5 nêd. gul.

**Infanoj kaj Patrinoj** — de Dorothy Canfield Fisher, tradukita de T. J. Gueritt. 175 paĝoj. Tole bindita 3 ŝil. 6 pens. Internacia Esp. Ligo. Eldon. de Esp. Publ. C.

Libro por gepatroj kaj pedagogoj, pritraktanta la vivproblemojn de la edukado, bazita sur la spertoj de Usona patrino. Profundaj pensoj pri mankoj de nuntempa kunvivado de gepatroj kun sia familio kaj infanoj. Libro tre instruema.

Jen la dua Esp. Biblioteko, kiu devas esti havindaĵo de ĉiu esperantisto.

Aperis jam pli ol 20 volumoj.

**Per motociklo en tri landoj. Gösta Henriksson.** Ilustr. Rud. Demuth. Stockholm. Eldona Societo Esperanto. Bela rakonteto pri vojaĝo tra Bohemujo. Malgranda libreto 0·75 kr.

**Amo-fonto de la vivo**. Poemo originale verkita de Celestin Rousseau L. K. Paris Esper. Centra Librejo, 11 Rue de Sévres Paris. 3 fr.

La fama farmakologo estas ankaŭ poeto:

Amorememoroj de l'tempo pasinta,
Respondu deziron de mia revado!
Vi, kiuj forflugis, ĉu vi reaperos
En mia spirito, Amorememoroj?

Jes, estu certa, kara aŭtoro. Ili reaperados, ĝis kiam mutiĝos la cerbo.

**B. Giedra. Violetoj.** Versaro. Eld. de Litova Esp. As. Prezo 0·25 dol.

Bone kaj bele eldonita libreto de originalaĵoj kaj tradukoj. Rekomendinda.

**La vivo de sankta Honen**. Verkis **Issi Mamine** M. A. Tradukis **Nisida Ryoya**. Interesa, nekonata de plimulto da Eŭropanoj, priskribo de japana budhismo, tute aparta de la hina. Honen naskiĝis antaŭ 800 jaroj kaj estis fondinto de la nova sekto: Zyodo. Sekvas priskribo de la vivo de Honen, lia influo sur la disĉiploj, bonaj ekzemploj por pacema kunvivado kaj vojoj al la vivo en Pura Lando. Tre interesaj klarigoj pri budhismaj terminoj. Budho japane Hotoke, Butu, laŭlitere ĝi signifas vervekiĝinton aŭ tiun, kiu havas absolutan saĝon kaj amon. Sed en budhismo ekzistas multaj Budhoj krom la historia. Post la morto de Honen la Zyodo la sekto disfalis je kelkaj sektoj.

## EL LA GAZETARO.

**Gazetoj ricevitaj.**

**Nia Gazeto.** Lastaj Vortoj! Nekredebla sciigo! Nia amata samideano, Georges Avril, kiu dum tiom da tempo gvidis la gazeton, deklaras, ke li ne plu povas konduki du ĵurnalojn, ĉar liaj fortoj ne povas tion elteni. Li dum kvin jaroj lastaj, kiel li diras, laŭpove elturniĝis, sed nun li devas oferi sin al la profesia laboro. Lastvorte li dankas siajn legantojn.

Ne, kara samideano. Ne vi, sed ni devas esti dankemaj pro via granda, oferema laboro, kiun vi plenumis, redaktande »Nian Gazeton«, kies manko treege malagrable efikos la legantaron. Mi persone ĉiam kun granga plezuro kaj kontento legis la enhavon riĉan, diversspecan, talentplenan, kiam Georges Avril mem prenis la plumon. Ne, mi ne povas imagi, ke li ne plu parolos kun ni. Li sendube trovos okazon fari ion por ni kaj por la amata de li ideo.

La lasta n-ro enhavas kelkajn artikolojn, kiuj sendube, restos kiel bona memoraĵo en niaj bibliotekoj. Naciismo kaj Esperanto de Julio Baghy, Ĉu la Ŝintoo reale estas religio. Artikolo plena de profundaj pensoj: Periferio. Aŭtoro diras: ni vivas en la tempo, kiu streĉas niajn nervojn ĝis maksimumo... ni vivas sur vulkano, senĉese sputanta mortosemantan fajron... La amaraj spertoj instruis min, ke la antidemokrataj landoj estas kontraŭaj al esperanto. Niaj gvidantoj ne komprenas tion... Homoj de periferio.... honestaj, bonkoraj sed iras preter la vivo.

Sed... for la tiom grandan pesimismon. Ni fosu nian sulkon!

**Praktiko.** La gazeto, kiu instruas kaj amuzas. Nro 12. Decembro. Julia Isbrücker faras alvokon al esp-istoj helpi laŭpove la rifuĝintajn esperantistojn per la donacoj senditaj al Cseh-Instituto. Interesa rakonto de Lidia Zamenhof, kiu ĵus revenis de sia amerika vojaĝo. Sed la artikolo ne tuŝas la amerikajn kursojn. Tio estas rakonto pri iu Noktolando, kiu revidas sunon. La historio de esperanto-movado de inĝ. J. R. G. Isbrücker. Erare estas skribite, ke la unuaj adeptoj de Esp. estis en Rusujo. Grabowski, Zakrzewski, Belmont laboris kune kur Zamenhof en Warŝawa (Polujo). Interesa artikolo pri la nova mondbildo, de J. Lang, Berlin. Ĝi refutas la Kopernikan sistemon. Plenenhava, kiel ĉiam, n-ro treege interesa.

**Internacia Pedagogia Revuo**, of. organo de T. A. G. E. N-ro 6. Konstatas, ke la kunlaborado de geinstruistoj esperantistaj estas tro malgranda kaj proponas nove elektitan vojon, priparolitan kun I. E. L., pli vigle kunlabori kun aliaj samcelaj organizoj. Richard Rothe — metodo de desegna instruado en la elementa lernejo. La Laborkomitato de T. A. G. E. kolektas infandesegnaĵojn el diversaj landoj. Bonvolu sendi: Schoolstraat 13, Veendam, Nederlando.

**Litova stelo**. Novembro--Decembro, dediĉita al la 20 jubileo de sendependa Latvujo.
**Heroldo de Esperanto**. 25 Decembro. Interesa artikolo pri malnovaj Kristnaskaj kutimoj en Danujo.

Ni ĵus ricevis la aprilan n-ron de **Litova Stelo,** dediĉitan al la memoro de Pastro **A. Dombrauskas, Dombrowski**, kiu estis unu el la unuaj adeptoj de Esperanto jam en 1887. Li estis entuziasma amiko de Zamenhof kaj ofte korespondis kun li. Vera Litova patrioto, kiu multe suferis sub la rusa reĝimo, ne povante uzadi sian propran litovan lingvon. Li estis ekzilita por kvin jaroj kaj revenis en 1885. Inter aliaj li estis punita je ekzilo sendube pro eldono de unua litova esperanto-lernolibro en litova (malpermesita de rusa registaro) lingvo. Li estis granda aganto de Litova renaskiĝo. En siaj rememoroj skribas D. la jenon:

»Tiuj miaj rilatoj kun Zamenhof komenciĝis kun la apero de Esperato mem. Ĉar traleginte en la jaro 1887 la unuan pole eldonitan de nia Majstro broŝureton pri la Esperanto, mi estis tiom ĉarmita de la beleco de la nova lingvo, ke post kelkaj tagoj mi skribis unuan leteron esperantlingvan al la aŭtoro mem, sciigante lin, ke mi, ne atendante ĝis kiam 10.000.000 da homoj ellernos tiun lingvon, jam nun estas ĝin ellerninta«.

Estas interese, ke kiel ni vidas el la rememoroj, Dombrovski estis notita de Zamenhof per 4 a n-ro inter enskribitaj. Do li estis sendube unu el la unuaj Esperantistoj de la mondo.

**Amerika Esperantisto.** Decembro. Admiro pri nova esp. filmo. Ni ĉiuj deziras al s-ano J. Scherer, ke la unua de li produktita esp. filmo de Goldwyn Mayer, Idiot's delight, bone sukcesu. En ĉi tiu n-ro de la gazeto kaj en multaj aliaj estas la larĝe priparolata, la tiom grava diskuto en München. Nur Mussolini komprenas la anglan, francan kaj germanan lingvojn. Tri aliaj gravaj diplomatoj, parolinte pri treege gravaj aferoj, decidintaj: paco aŭ milito, funkciis per tradukisto. Ĉu Esperanto uzita de ĉiuj ne plifaciligus la solvon, tio estas nun de ĉiuj serioze pensantaj homoj pridiskutata temo. Ni povas esti certaj, ke tiu ĉi diskutado, farita inter grandaj naciaj aŭtoritatuloj sendube estos favora por nia internacia helplingvo. En Francujo estas jam granda grupo de parlamentanoj, kiuj favorigas esperanton, kaj ĝian enkondukon en lernejojn. La grupo sumas 150 deputitojn.

**La Revuo Orienta.** Decembro. Bela desegno sur titola karto. Interesa pledo por „h“ de Sindo Seitaro. Multaj nacioj ne elparolas h kaj kiel Francoj, anstataŭas ĝin per »c« aŭ »k« (arkaismo, Ĉino). La aŭtoro ne rekomendas tiun ekzemplon. Interesa priskribo de masohismo de d-ro Hazime Asada. Temas pri virino, kiu post la edziniĝo iĝis ekstreme masohismema kaj dum amaktoj kun sia edzo lasis sin forte kaj kruele vundi antaŭ ol sentis (volupton). La rakonto estas interesa, ĉar el ĝi oni ekkonas parte kulturan medion de la popolo.

**La Revuo-Orienta. Januaro,** enhavas kelkajn interesajn rakontojn. Tre leginda. Bela eldonaĵo, bele ilustrata.

**La Liberecana sintezo.** Julio 38, n-ro 6.

**Dansk Esperanto-Blad**. Decembro. Esperanto en Britujo progresas, skribas E. D. Durrant, hon. sekr. de propagando. Brita Esp. As.. havas 5 salajratajn oficistojn. S-ro R. B. Wilkinson estas ĝenerala sekretario, laboranta kun tri stabanoj en oficejo, kaj s-ro M. C. Butler okupiĝas ekskluzive pri propagando en edukaj rondoj. Ĉi tiu laboro eble estas la plej grava. En la aŭtomobilo, kiun posedas B. E. As. li vojaĝas tra la tuta lando kaj prelegas kun demonstraciaj lecionoj en lernejoj. Dum la jaroj 1934—7 li vizitis 363 lernejojn kaj parolis al 42 500 infanoj kaj 1945 instruistoj. Dum la vizitoj li vendis milojn da malgrandaj lernolibroj. Nur dum septembro li vizitis 49 lernejojn en unu sola urbo Bristol laŭ speciala aranĝo kun la edukaj aŭtoritatuloj kaj alparolis 6900 infanojn. Ĉie li ricevas aplaŭdojn pro sia agado, kiu kvankam ne tuj alportos fruktojn, sed pli kaj pli disvastigas scion pri la lingvo kaj estas nemezureble valora pionira agado por enkonduko de esperanto en lernejojn. La agadon sur la ĝenerala kampo atentas speciala komitato starigita antaŭ unu jaro. Ĝi respondecas pri la aperigo de monata informbulteno destinita por la gazetaro, kiu estas cirkulerata al multaj ĵurnaloj tra la lando. Pli ol 800 mencioj aperis post la Londona Kongreso en la gazetaro kaj la tono estas tre favora. Oni povas diri, ke en Britujo oni ne pli mokas Esperanton, kontraŭe, oni rimarkas kreskon de simpatio por la interligilo. Oni ne preterlasu la mencion pri la Buchanan-Esp. Katedro ĉe la Liverpoola Universitato en la kompetentaj manoj de prof. W. E. Collinson. Ankaŭ valora estas la deklaracio pri la eduka valoro de Esperanto subskribita de pluraj gravaj edukuloj.

S. Jacobsen Logstor priskribas agrablan vojaĝon de danaj esperantistoj dum somero 38. Post la Esp.-kurso 56 geanoj, precipe infanoj, faris viziton al nederlandaj samideanoj.

**Fluganta Skribilo.** Kanto de cigno. Ankoraŭ unu gazeto, kiu rezignas la daŭrigon. Samideano P. Flageul fervore laborinta dum kvarono da jarcento ne plu povas labori, ne havante necesan subtenon de samideanoj. Lia stenografia instituto ne trovis sufiĉan eĥon. Sed ni ne perdu esperon, ke nia ŝatata samideano sukcesos venki la nuntempan krizon.

**Esperanto.** Organo de UEA. Decembro.

**Imperia Centro** de Romo. Radiofoniaj programoj por februaro 39.

**Ligilo.** Revuo por Esp. — movado en ĈSR. Ni estas certaj, ke niaj bravaj semideanoj eltenos gravan baton de la sorto kaj restos, same kiel ĝis nun en la unuaj vicoj de la movado.

**The British Esperantist.** Januaro 39. Aliĝu al la trideka Brita Esp. Kongreso en Weston Super Mare. Aliĝilo ricevebla ĉe Pola Esperantisto. Belaj fotografaĵoj prezentas la urbon. Artikolo de Hylda Mayne priskribas la ĉarman graflandon Somerset. Oni elterigis skeleton de paleolita homo, kiu vivis antaŭ 10 000 jaroj. Kiu ne kredas, povas kontroli.

**P. T. T.** Jugoslava organo de poŝto kaj telegrafo. Januaro. Dudekjaro de sendependeco kaj jarcento de post fondiĝo de unuaj poŝtoj en Serbujo. Priskribo de iamaj tre malfacilaj cirkonstancoj de unu nacio dividita je tri partoj. Tio estas videbla eĉ nun, sed dum dudek jaroj la ŝtato multe pliboniĝis. Nur estas timo, ke iu ekstera potenco ne melhelpu. Do ne disiĝu nur!

**Norvega Esperantisto.** Decembro. Kiu ne legis en la ora n-ro de »Brita Esperantisto«, povas legi nun tre interesan rakonton de Dr Adam Zamenhof pri la vivo de lia patro. Mallonga, sed interesa rakonto. Bonega traduko de vere kortuŝa fabelo de Andersen por komencantoj: La knabineto kun la alumetoj.

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn Skribu al la stacioj!**

## PROGRAMO DUM JANUARO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

10·10—10·25 Kortrijk (204 m) Kroniko de G. Debrouwere.
19.00—19·30 Reykiavik (1442 m) Esperanto-kurso de TH. Thordarsen.
22·30—22·45 PRC 7. Mineira (960 kil.) „Momento de Esperanto".

**Lunde:**

18·45 — 19·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.
20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.
22·00—22·25 2RO (31,13 m) Radio-ĵurnalo.
23·45—0·30 Paris PTT (431 m) Esperanto-teatraĵo.

**Marde:**

18·00 — 18·10 M. Ostrava (269,5 m), Parolado.
21·20—21·35 Kaunas (1936 m) Klaipeda Memel 531 m) Lyiae (35 m) „Nia anguleto".
22·00—22·10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m) E. kroniko.
23·35—23·40 PRF3 (31·58 m), PRF2 (780 m), Rio de Janeiro, Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo".
22·25—22·40 PRF3 Sao Paulo (960 m), informoj kaj kurso.

**Merkrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Esperanto-kroniko.
15·00—15·20 Paris PTT (431 m) — E. kurso de C. Roseau.
21·00—21·20 LTI Radio del Litoral. Rosario: Kroniko.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR Mexico (50·17 m) — Kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko.
16·15—16·30 Loksbergen-Limburg (202 m), Esperanto-kvaronhoro.
19·00 — 19·20 Roma (420 m), 2RO (25·4 m) — Turisma kroniko.
22·25—22·40 PRFA Sao-Paulo (960 m), Informoj, kantoj kaj kurso.
0·30 – 1·00 Barcelona (377 m), Pri Hispanujo.

---

## LA HUNGARAJ ESPERANTISTOJ PETAS LA HELPON DE LA TUTMONDA ESPERANTISTARO.

La Hungara Radio-sendstacio baldaŭ disaŭdigos en Esperanto, se . . . .

La 10-an de dec. 1938 nia fervora, entuziasma kaj celkonscie laboranta samideano D-ro Vincze Tóth, polickapitano kaj direktoro de la Esperanto Kulturpropaganda Instituto en Budapest, Hungarujo, ricevis la ĉi-suban gravan leteron, kiu signifas novan paŝon al la rekono de Esperanto:

Budapest, 9. XII. 1938.

Al sinjora Moŝto
D-ro Vincze Tóth, polickapitano
Budapest.

Respondante je via letero datita la 4-an de dec. adresita al lia Escelenca Moŝto Nikolao Kozma, nia prezidanto kaj ĝenerala direktoro, mi havas la honoron sciigi vin, ke la Hungara Radio Societo en la proksima estonteco prove envicigos en sian programon esperantlingvan disaŭdigon.

Se tiu ĉi disaŭdigo havos tian eĥon ĉe la esperantistaro, kiu postulos kaj necesigos, ke ni envicigu ankaŭ la lingvon Esperanto en nian laboron, la Estraro de la Radio Societo akceptos por la efika uzado tiun ĉi potencan ilon starantan je ĝia dispono.

En la espero, ke la ĉi-supra sciigo trankviligos vian Moŝton, mi restas altestime

via
D-ro Andreo Hlatky p. m.
direktoro.

Tiu ĉi letero kaŭzis grandan ĝojon ĉe la hungara esperantistaro. Finfine malfermiĝas la pordo al la hungara mikrofono kaj eksonos nia lingvo en la koro de Mezeŭropo,

en Budapest, la majesta reĝino de la Danubo. Dum sep longaj jaroj estis vanaj ĉiuj persistaj klopodoj por konvinki la Direkcion de la Hungara Radio pri la utileco de Esperanto. Ĉiuj leteroj kaj petoj rilate al nia afero senlegite estis flankenmetitaj. Ni vane provis atingi ion pere de la Hungara Nacia Societo uzanta Esperanton, pere de la Poŝto uzanta nian lingvon, okaze de la 34-a Eukaristia Kongreso, kiu akceptis Esperanton egalrajta lingvo al la ceteraj naciaj lingvoj uzataj dum la kongreso. La sinteno de la Direkcio estis rifuzo. Antaŭ ses monatoj S-ro D-ro Tóth sukcesis konvinki du influhavajn kaj konatajn personojn ĉe la Radio kaj laŭ ilia konsilo li sukcesis tre zorge kaj atente je ĉiuj paŝoj trovi la vojon rekte al la plej supera persono, al la ĝenerala direktoro kaj prezidaŭto de la Hungara Radio.
Tiu ĉi frukto havas ankaŭ bonegan influon je la landa movado kaj propagando. La dormantaj kaj la laboremon perdintaj gesamideanoj reviglîĝos. La uzado de Esperanto ĉe la Radio estos bonega pruvo pri ĝia utileco ĉe tiuj: — unue, kiuj rekonas ĝin, sed pro la malrapida progreso estas skeptikaj, — trie, kiuj eĉ hodiaŭ kredas utopio nian movadon, — kaj alportos multajn al nia movado, el tiuj ĉi tri kategorioj.

**Nova lingva babelo en Hungarujo. 18 lingvoj rekomendataj por lernado.**

En septembro aperis afiŝoj kun la invito partopreni la diversajn lingvokursojn. La unua proponas la lernadon de la angla, franca, itala, germana kaj hispana lingvoj. La dua rekomendas la lernadon de la lingvoj de la najbaraj ŝtatoj: ĉeĥa, slovaka, rumana, subkarpatrusa, serba kaj pola. La tria alvokas studi kaj lerni la lingvojn de la parencpopoloj (turanrasaj): finna, latva, estona, ĉina, japana, turka kaj bulgara. Kaj ĉiujn kursojn subtenas gravaj organizaĵoj kaj ili havas lernantojn. Vere enviinda situacio. Kaj ni, esperantistoj, multfoje estas primokataj kaj priridataj. Tiu ĉi stranga situacio... ĝis kiam?
Karaj Samideanoj, ĉu vi helpos al ni?

**La du esperantaj poeto-famuloj antaŭ la mikrofono...?**

Multaj el la gesamideanoj estas fieraj pri la du steloj brilantaj de la esperanta literaturo; D-ro Kolomano Kalocsay kaj Julio Baghy. Vi bone konas ilin tra iliaj verkoj, kelkaj eĉ havis la okazon vidi, aŭdi ilin kaj paroli kun ili. Sed tiuj feliĉuloj estas malmultaj. Sed nun venas la grava demando: Ĉu vi deziras aŭdi ilin almenaŭ tra la etero? Ĉu vi ŝatus aŭdi ilin multfoje kaj konstante? Se jes, bonvolu helpi al ni, ni petas malmulton. Multaj estas ravitaj de la belegaj hungaraj popolkantoj akompanataj de cigana orkestro. Ĉu vi volas ekkoni ĝin pere de la Radio? Ĉu vi ŝatus ion aŭdi pri la hungara popolo, ĝiaj arto, literaturo, kutimoj, vivo kaj pri la beleco de Hungarujo?
Jen estas niaj demandoj pri viaj deziro kaj volo. La Hungara Radio plenumos ilin, se vi bonvolos elmontri ilin en videbla formo. Pro tio nia peto estas: bonvolu skribi, skribi kaj skribigi al la Radio-Direkcio en Esperanto aŭ se eble en angla, franca, itala kaj germana lingvoj. (Jen la adreso: Al la Direkcio de la Hungara Radio, B u d a p e s t, VIII. Sándor-u. 7. Hungarujo). Esprimu vian ĝojon kaj dankon pro la enkonduko, petu la daŭrigon de la disaŭdigoj kaj informu ĝin pri viaj eventualaj deziroj. Skribu nun tuj poŝtkarton aŭ leteron kaj denove post la komenciĝo de la disaŭdigoj. Bonefikaj estos la leteroj havantaj multajn subskribojn. La daton de la unua disaŭdigo ni ne scias ankoraŭ, sed post la fiksigo ni tuj avertos la esperantistaron pere de la UEA kaj IEL delegitoj, la semajna Heroldo de Esperanto kaj ceteraj esperantaj gazetoj kaj aparte tiujn, kiuj rekte petos de ni la informon. (N i a a d r e s o: Esperanto Kulturpropaganda Instituto, Budapest, III. Jolsva-u. 4. Hungarujo).
Antaŭ la 34-a Internacia Eŭkaristia Kongreso la aranĝa komitato de la Unua Eŭkaristia Esperanto-Mondkunveno petis la perleteran helpon de la esperantistoj. Alvenis 525 leteroj. Ili bonege helpis al ni. Eĉ nun ni dankas al la skribintoj. Ĵus en tiuj ĉi tagoj komenciĝas novaj sukcesaj paŝoj en la katolika esp. movado kaj la fonto kaj la bazo estas la rezulto atingita pere de tiuj leteroj. Pri tiuj ĉi aferoj baldaŭ ni donos kelkajn ĝojigajn sciigojn.
Ni esperas, ke nia helpkrio ne estos vana kaj per kunigitaj fortoj ni atingos bonan rezulton en nia nobla laboro por la fina venko de nia kara Esperanto.

*S. Montano.*

---

Ni recevis jenan alvokon:

**Al Esperantaj Societoj, Esperantistoj en Polujo**

Tre Estimata(j) Samideanoj(j):

Estas konata fakto, ke radio plej bone povas servi por disvastiĝo de Esperanto. Dum la lasta tempo kun ĝojo oni povas konstati, ke multaj radiostacioj en la tuta mondo praktike uzas Esperanton dum la plej diversaj disaŭdigoj. Bedaŭrinde, nur la „Pola

Radio" malatentas la gravan signifon de Esperanto kaj eĉ ĉesigis disaŭdigi prelegojn en Esperanto pri Polujo, kiuj rikoltis grandan sukceson eksterlande.

Varsovia Esperantista Societo intencas prozenti al Direkcio de „Pola Radio" konforman petskribon vaste dokumentitan pri apliko de Esperanto en radio, petante disaŭdigi en kaj pri Esperanto. Sed estas necesa forta subteno flanke de radioabonantoj kaj radioaŭskultantoj. Tial Varsovia Esperantista Societo presigis specialajn foliojn por kolektigi la subskribojn.

Energie kaj zorge kolektu la subskribojn kaj la foliojn resendu al Varsovia Esperantista Societo, Warszawa, Leszno 56/9.

Memoru, ke nur de via bonvola subteno dependas la sukceso de nia agado!

Kun samideanaj salutoj!

*Estraro de Varsovia Esperantista Societo.*

---

La foliojn vi povas senpage ricevi ankaŭ ĉe Pollanda Esper. Deligitaro (P. E. D.), Kraków, Lubicz 34.

# POLLANDA KRONIKO.

**LUBLIN.** La Esperanta Sekcio ĉe „Szul-Kult" regule kaj energie propagandas la ideon de Verda Stelo. Konversacioj okazas 3-foje en semajno (travojaĝontaj ges-anoj estas petataj viziti nin; adr. Rybna 1). S-ano A. Sanik gvidas kurson por 28 gelernantoj. Ĉiusemajne okazas parolado pri historio kaj evoluo de E-movado.

**WARSZAWA.** La 14 XII. la tuta esperantistaro festas la datrevenon de dr-o L. Zamenhof. Ĝi havas specialan signifon en Varsovio, en la lulilo de Esperanto. Varsovia Esperantista societo kiel konvene, kaj tiujare sole, aranĝis en sia ejo (Leszno 56/9) solenan festvesperon pro la 70-a naskiĝtaga datreveno de la Majstro. La ĉijara soleno precipe sukcesis, ĉar ĉeestis ĝin Lidia Zamenhof, ĵus reveninta el Ameriko. La festvesperon malfermis prez. Isaj Dratwer. Sekve parolis: sano Michelsson el Estonujo, f-ino Lidia Zamenhof, kiu per siaj varmaj vortoj kortuŝis la aŭskultantojn, kaj estrarano Adolf Kerner. En la distra parto amuzis la ĉeestantojn la anoj de la drama sekcio geanoj: B. Słuszna, D. Kagan, H. Reuter, S. Dajksel, H. Wassersprung, F. Kuzniec, Pelc k. a. Estis faritaj kelkaj recitaĵoj kaj la komika dialogo »Malsata Donjuano«, kies prezentado dank' al la bonega ludo de f-ino Bela Słuszna ĝuis grandan entuziasmon. La tuto, varigita de kelkaj muzikaĵoj, estis fervore akceptita de multaj varsoviaj esperantistoj (ĉ. 100). Nia estona gasto s-ano Michelsson, estis tre kortuŝita pro la vere samideana agordo kaj la brila soleno.



---

**NI TRE AFABLE PETAS NIAJN ABONANTOJN, ŜULDANTAJN ANKORAŬ LA ABONON POR J. 1938, PAGI LA ŜULDON JE NIA KONTO PKO Nr 406.660. EKABONU POR J. 1939.**

**UZU LA ALDONITAN POŜTĈEKON!**

★ ★ ★

ĈU VI VIDIS EKZEMPLERON DE

**SCIENCA GAZETO**

aŭ

**NOVA BULTENO?**

Se ne, petu ilin tuj senpage, poŝtkarto sufiĉas!

Adresu:

**American Esperanto Institute Rockford, Illinois, Usono.**

★ ★ ★

## GRAVA AVIZO!

**Reprezentanto de la dumonata, 24-paĝa, ilustrita „SCIENCA GAZETO" estas por Polujo la administracio de Pola Esperantisto. Abonprezo jara (por Polujo malaltigita) 4 zł, pagata je konto de „Pola Esperantisto", konto P. K. O. Nr. 406.660. Abonante nun, vi ricevas ĉiujn numerojn depost januaro k. j. Ĉiu klera homo, por kiu ne estas indiferentaj la plej novaj sciencaj temoj — devas nepre aboni la revuon!**

**Ĉe pagoj rimarkigu ĉiam la celon!**

**Abonu por jaro 1939!**

## NOVA BULTENO

Sendependa revueto pri la Esperanto-movado.

Aperas provizore dumonate.

Enhavas: La Esperanto-Movado (novaĵoj) Recenzado de libroj. Ĉu vi legis? (interesaj elĉerpaĵoj el la Esperanta gazetaro). Literaturo, anoncetoj.

**Nova abonanto ricevas 2-linian anonceton senpage.**

Sendu vian anonctekston.

Jarabono internacia: 2 poŝtaj respondkuponoj.

**Amerika Esperanto-Instituto**

Rockford, Illinois, Usono.

★ ★ ★

**Ostatnia obniżka ceny!**

Naukowe Koło Esperanckie obniżyło cenę na podręcznik szkolny p. t. „LEKCJE JĘZYKA ŚWIATOWEGO ESPERANTO" w opracowaniu prof. SYGNARSKIEGO (wyd. II. aprobowane powtórnie przez Ministerstwo WR i OP) na 1·— zł. Wpłaty i zamówienia kierować należy pod adresem: N. K. E. Bydgoszcz, pl. Wolności 9 (konto P. K. O. Nr. 210.647) lub **administracji Pola Esperantisto (Kraków, ul. Lubicz 34) konto P. K. O. Nr. 406.660. Przesyłka 15 gr.**

★ ★ ★

**UWAGA!**

Wszelkie wpłaty abonamentu miesięcznika „Pola Esperantisto" uskuteczniać można na konto PKO. Nr 406.660 lub **przekazem rozrachunkowym, kartoteka Nr 29,** co zaoszczędzi wpłacającym koszty przesyłki.

---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.